# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.

Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm). Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No. 2 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Februaro 1913**

## Aerveturiloj en estontaj militoj*).

La en Majo 1912 faritaj flugoj ĉe la supra Rhein, la bonega rekordveturo de „*Zeppelin III*" de Friedrichshafen ĝis Hamburg, ĝia ventega vojaĝo de Hamburg ĝis Bremen kaj reen, denove pruvis la grandan taŭgecon de la flugmaŝinoj kaj direkteblaj balonoj.

De jaro al jaro, de monato al monato la tekniko progresas, plibonigante ekzistantan, kreante novan, kaj eble post malmulte da tempo la aerveturiloj atingos tiun gradon de perfekteco kaj certeco, kiu por militistaj celoj ne nur estas dezirinda, sed ankaŭ nepre necesa.

Certe jam nun neniu plu povas nei la eksterordinare gravan rolon, kiun dum estontaj militoj ludos aerveturiloj, eĉ se la plej alta perfekteco ĝis tiu tempo ne estos atingita.

Kaŭze de la antaŭ nelonge pridiskutita nova germana armeprogramo ofte estas demandita, ĉu oni nepre bezonas tiom da kavalerio, kies observoservoj pli bone povus esti anstataŭataj per aerveturiloj.

Per aerveturiloj — precipe en la komenco de iu militiro — la taskoj de la kavaleridivizioj certe pli rapide kaj pli detale povas esti solvataj; sed neniam aerveturiloj povas anstataŭi la kavalerion aŭ eĉ igi ĝin superflua, same kiel artilerio aŭ maŝinpafiloj ne povas anstataŭi infanterion.

Unu trupa speco devas kompletigi kaj helpi la alian, sed ĉiuj devas agadi kune en la intereso de komuna granda tuto, en la celo, ebenigi al la infanterio, kiu ĉiam faros la ĉefan, la decidan baton, la vojon al venko.

Ne estas intencite, ĉi tie priparoli ĉiujn taskojn, solvotajn de la aerveturiloj dum estontaj militoj, sed nur kelkaj ĉefvidpunktoj „por kaj kontraŭ" estu pritraktotaj.

La strategia informiĝo en granda kadro, precipe la konstato de la malamika grupiĝo kaj la multnombreco de l'kontraŭulo, estas la ĉefaj taskoj.

La aktivradio de aeroplano — ĝenerale nur 150 kilometrojn — ĝis nun ne sufiĉas por tiaj gravaj taskoj, kiuj ja ofte etendiĝas ĝis malproksime en la malamikan landon, kaj nepre por tiuj taskoj pli bone taŭgas direkteblaj balonoj.

Tre utila — laŭ mia opinio — estus, aldoni al la kavaleridivizioj kelkajn aeroplanojn, kiuj suprenflugus en tiu momento, kiam la kavalerio pro kontraŭe staranta, pli multnombra kavalerio malamika ne povas plu antaŭenmarŝi, kaj tiamaniere daŭrigus la klarigan informiĝon.

Tiuj aeroplanoj estus kuntransportotaj sur aŭtomobiloj ĉe la „granda pakajo" (granda transportilaro) de la kavalerio ĝis la momento de sia uzo. Ĉe ĉiu aeroplantransportilo troviĝus aŭtomobilo, kunportanta funkcian materialon kaj la plej necesajn maŝinerojn anstataŭajn.

Ĉu en estontaj militoj estus eblaj similaj strategiaj operacioj, kiel la kuraĝa flankmarŝo de la maldekstra flugilo de la 2a kaj 3a armeoj dum la 13a ĝis 15a de Aŭgusto 1870, malantaŭ densa vualo de kavalerio, mi tre pridubas. Sed ankaŭ aliaj operacioj — ekz. la marŝo de Mac Mahon al Metz, la malfacila dekstrenmarŝo de la 3a kaj de la „Maas"-armeoj norden, aranĝita de Moltke, certe kun helpo de aerveturiloj estus observitaj.

*) El: Olszewski und Helmrich v. Elgott „*Das Flugzeug in Heer und Marine*". Bibliothek für Luftschiffahrt und Flugtechnik. Berlin 1912. *Danziger Neueste Nachrichten*, Danzig, No. 160, 1912.

Nur post la batalo ĉe Colombey-Nouilly nek kavalerio, nek aerveturiloj estus povintaj restarigi la interrilatojn — la kuntuŝiĝojn kun la malamiko, kiuj ĉefe pro densa netravidebla nebulo estis tute detruitaj.

Ventoj kaj veteroj ĉiam ludos gravan rolon en la uzo de aerveturiloj. Kompreneble dum milito tiuj ambaŭ faktoroj malpli valoras, ol dum paco, ĉar en milito la vivo de unuopa persono ne multon, ja eĉ nenion valoras, rilate al savo de mil kaj mil da homoj; en tiu okazo ĉiu aeronaŭto, ĉiu flugoficiro volonte oferos sian vivon por la honoro, por la savo de sia patrujo.

Dum oni, kiel supre priparolite, uzos la aerŝipojn kun sia potenca aktivradio en granda kadro de strategia informiĝo, oni aliflanke uzos aeroplanojn en kampomilito antaŭ, dum kaj post la bataloj por la ĉeftrupestroj, por la proksim-informiĝo, por batalklarigo, por transdono de sciigoj kaj por interkomuniko kun la armea ĉefkomandejo, kun la najbaraj trupoj kaj postaj formaĵoj.

Tute nenecese estas, priparoli la grandan utilon, kiun donus la ebleco de senfadena telegrafa interkomunikado de kaj al aeroplano.

De treege granda valoro aerveturiloj estos dum fortikaĵbataloj kaj en tiu okazo precipe aeroplanoj.

Direkteblaj balonoj, precipe sur la flanko de l' atakanto, dum batalo je fortikaĵoj perdas sian gravecon, sian signifon kontraŭ la aeroplanoj, ĉar ili pro sia grandeco ofte fariĝos bonvena akiraĵo de la malamikaj baterioj. Kun des pli granda sukceso la atakanto uzos la pli malgrandajn, pli rapidajn kaj pro tio pli malfacile paftrafeblajn aeroplanojn, por sin informi pri defendaranĝoj, pri antaŭenpostenigitaj pozicioj, pri interkampaj konstruaĵoj kaj pri armado per pafilegoj kaj bombardiloj kaj por aranĝi laŭ tio siajn proprajn atakfrontojn.

La defendanto siaflanke provos ekkoni per aerŝipoj kaj aeroplanoj la intencojn kaj aranĝaĵojn de la kontraŭulo. Li sciiĝos, sur kiuj fervojstacioj alvenas porsieĝa materialo, kie grandnombre estas koncentrataj kanonaroj, kaj kie estas pretigitaj bateripozicioj.

La enferma linio de l' sieĝanto, kiu ĝis nun malebligis interrilatojn inter la fortikaĵanoj kaj la liberiga armeo, per la aerveturado tute perdis ĉian signifon por la sieĝatoj. Nemalhelpate aerveturiloj transflugos tiun linion en alteco, neatingebla por la kanonoj kaj pafiloj de l' atakanto.

La plej grandan utilon havos la defendanto dum sieĝo el sciigoj pri multnombreco, speco, maniero kaj aranĝo de la atakanta artilerio, alportataj de siaj aeronaŭtoj, siaj flugoficiroj, kiuj krom tio povos informi la artileriestrojn pri efiko de iliaj kanonadoj.

Kompreneble la solvo de tiuj, parte tre malfacilaj taskoj postulas eksterordinare bonegajn observantojn.

La bildo surtera, sin prezentanta al la rigardanto el la birdfluga perspektivo, estas treege ŝanĝanta.

La karakteriza kampoformiĝo malaperas, altaĵoj kaj valoj ŝajnas platiĝintaj, turoj kaj aliaj altaj konstruaĵoj kaj objektoj de supre preskaŭ ne estas rekoneblaj. Kun pligrandiĝanta alteco malaperas la plastiko. Al ĉio ĉi tio la okulo de l' observanto devas kutimiĝi, li kvazaŭ denove lernas vidi. Sed tio ne sufiĉas. La militista aeronaŭto, kiu nepre volas plenumi sian taskon, devas posedi bonegajn sciadojn taktikajn kaj artileriajn; li devas koni la batalprincipojn kaj formaĵojn ne nur de sia propra armeo, sed precipe ankaŭ tiujn de l'malamiko, por tuj ekkoni, kio okazas sub li kaj por lerte distingi, diferencigi inter gravaĵoj kaj malgravaĵoj.

Tiu por milito nepre necesa ekzercado ne povas esti akirata dum unu tago, dum unu monato, sed oni povas alproprigi ĝin nur per longtempa kaj energia ekzercado dumpaca.

Dum estonta milito ambaŭ kontraŭuloj uzos aeroplanojn, aerostatojn kaj direkteblajn aerŝipojn. Se la teknika kaj taktika scipovoj de la aeronaŭtoj ambaŭpartiaj estos sambonaj, la batalo tute similos al ludo per malkovritaj kartoj.

Kiel sur ŝaktabubo, observante la ludon de l' kontraŭulo, oni faras siajn projektojn kaj, kontraŭbatalante la movadojn kontraŭulajn, celas la kaptadon de l' ŝakreĝo, oni en milito estonta provos malkovri kaj kontraŭstari, kontraŭefiki ĉiun translokigon de la trupoj malamikaj.

Eĉ en arbarorîĉaj regionoj estos malfacilege, entrepreni truptranslokigojn, ĉar vojoj, maldensaĵoj kaj senarbarejoj permesos al la observantaj aeronaŭtoj, vidi kaj raporti.

Tiel nuntempa batalo alie okazos, ol dum pli antaŭaj tempoj. Ne feliĉo kaj hazardo realigos plu bonan uzadon de la trupoj kaj kondukos al venko, sed nur braveco kaj kapableco de la armeo kaj ĝiaj estroj sukcesos.

Ankaŭ la supereco ĉiam venkos, ĉar la konado de la malamika multnombreco kaj la konfido al la propra supereco fortigos la militistaron kaj trudos al ĝi volon al venko.

*Tradukis Otto Emmert.*

## Ankoraŭ interesa vizito.

Nu, karaj legantoj-akompanantoj, post kiam ni en la pasinta monato vizitis la eldonejon de nia gazeto, mi nun gvidos vin en alian Dresden'an entreprenon, en kiu nia lingvo ankaŭ trovis hejmon. Nia celo estas vizito al la firmo E. Neumann & Co., Dresden-N., Kaiserstr. 5, kiu en Esperantujo jam estas sufiĉe bone konata. En la oktobra numero A 1912, p. 147, jam estis raportate pri la ĝojigaj sukcesoj, kiujn la nomita firmo atingis per la praktika uzo de Esperanto, kaj pri tio, ke ĝi en Oktobro festis sian 25-jaran jubileon. Do, vi jam iom estas informitaj pri la entrepreno, kiu preskaŭ la tutan mondon provizas per siaj fabrikaĵoj, kaj kiun ni nun ankaŭ volas rigardi interne.

Hodiaŭ ni elvagoniĝas en la stacidomo Dresden-Neustadt. Elirinte la stacidomon, ni turnas nin dekstren kaj sekvas la Anton-straton sur la maldekstra flanko. Post kelkaj minutoj ni atingas la Kaiser-straton, kaj baldaŭ ni staras antaŭ la granda ĉefkonstruaĵo de la firmo Neumann & Co. (Bildo 1a). Ni eniras tra




Bildo 1a: Ĉefkonstruaĵo kun la fronto al Kaiserstr.

En la teretaĝo troviĝas la presejo kaj stampejo, la ceterajn etaĝojn okupas la tenejoj.

apuda enirejo al la vasta korto, kie tuj ĉirkaŭas nin vigla vivo. Grandaj kestoj estas pakataj, poŝtpakoj estas ŝarĝataj sur prete starantajn veturilojn, kotilonaj dekoraĵoj estas riparataj ktp.: vere interesa bildo! (No. 2a).

De la korto ni turnas nin en la specimenĉambron, kiu troviĝas en la teretaĝo. Tie renkonteniĝas al ni bone konataj sonoj: „Per kio mi povas servi al vi?" demandas nin afabla oficisto. Pere de nia komuna interkomprenilo ni elektas kaj aĉetas kelkajn objektojn, precipe malgrandajn Esperanto-flagetojn el silko, kaj, ornamitaj per la lastaj, ni daŭrigas nian rond-



Bildo 2a: Fabrikeja korto.

En la laŭlarĝa konstruaĵo estas lokitaj la kontoroj, la dekstra flanka konstruaĵo entenas la fabrikejon I, la maldekstra la fabrikejon III kaj tenejojn.

iron. Samideano Kämpfe, la estro de la Esperanta fako de Neumann & Co., nun prenas sur sin la pluan gvidadon. Unue ni enrigardas la kontorojn de la firmo (unu el ili montras al ni bildo 3a). Estas helaj, bone aerumitaj kaj vastaj ĉambroj, en kiuj ni inter la diligente laboranta personaro rimarkas pli ol unu verdstelulon.

De la kontoroj ni eniras la efektivan fabrikejon. Unue ni vizitas la tajlorejon, kie sub lertaj manoj ekestas mirindaj faraĵoj. Jen ni vidas la kostumon de egipta princino, jen staras alegoria kostumo kaj apud ĝi la vesto de pola nobelo. Ankaŭ Esperantaj flagoj estas ĉi tie farataj. Longaj vicoj de tajlorinoj sidas ĉe la



Bildo 3a: Kontoro II (Esperanta kontoro).

En la lasta vico, maldekstre, staras S-ro E. F. Neumann, la fondinto de la firmo; antaŭ li, tute maldekstre sub la gaslampo, sidas S-ro A. Neumann juna, kaj en la plej antaŭa vico, dekstre, estas samideano Kämpfe (signita per ×), la estro de la Esperanta fako.



Bildo 4a: Fabrikejo I por kartonaĵoj kaj inĝoj.

En la fundo troviĝas fabrikejo II por kotilonaĵoj, esperantaĵoj ktp. Maldekstre estas Kontoro IV (teknika fako), kiu staras sub la direktado de samideano A. Becker, kunposedanto de la firmo.

kudromaŝinoj (fabrikaĵoj de la konata Esperantofirmo Seidel & Naumann, Dresden), kaj ili tajloras kaj kudras, por provizi la gajan mondon dum la karnavala tempo per kostumoj.

Torda ŝtuparo kondukas nin meze en la funkciadon de la fabriko (Bildo 4a). Kestetoj, kestoj, ĉapoj, ordenoj, lampionoj, maskoj, girlandoj, flagoj, flagetoj kaj kiel ajn nomiĝas la milspecaj fabrikaĵoj, estas tie faritaj. Nin interesas precipe la farado de la esperantaĵoj, kaj ni devas miri pri la multaj manmovoj, kiuj estas necesaj, por ekzemple pretigi simple aspektantan rozeton kun verda stelo. Neniu el ni, kiu jam portis tian rozeton dum gaja festo, konsciis pri la sufiĉe malsimpla manipulado, kiu haviĝas al ni la treege malkarajn ornamaĵojn. Ĉe alia tablo ni vidas la faradon de lampionoj kun Esperantaj devizoj, kies ekeston la koncerna laboristo klarigas al ni en flua Esperanta parolo.

Plue, preterirante maŝinojn, diversajn laŭ grandeco, konstruo, kaj destino, ni sekvas nian afablan gvidanton al la dua parto de la fabrikejo; en ĝi troviĝas la presejo, pentrejo, lignaĵistejo kaj kartonformaĵejo. En la presejo ni interalie havas okazon vidi la faradon de la malgrandaj verdsilkaj flagetoj. La pentrejo montras al ni, kiamaniere en mallonga tempo centoj da verdaj steletoj estas kvazaŭ sorĉataj sur blankan paperon por diversaj celoj. Interesa estas ankaŭ la observo de la laboro en la kartonformaĵejo, en kiu ĝuste estas laborate je grandega elefanta kapo. Ĝiaj eksteraj konturoj jam estas rekoneblaj, sed la kartonformaĵisto certigas al ni, ke la finfarado de la kapo daŭros proksimume ankoraŭ unu semajnon, ĉar la malseke prilaborita kartono unue devas sekiĝi.

Ĝuste kiam ni volas forlasi ĉi tiun ĉambregon, restigas nin interesa bildo: antaŭ niaj okuloj leviĝas grandega aerŝipo. Ĉu estas iluzio aŭ realaĵo? Ni vidas la gondolojn, la ŝraŭbojn ktp., kvazaŭ estus efektiva aerŝipo de Zeppelin. Kaj oni diras al ni, ke ni troviĝas en la „aerŝiphalo“ de la firmo. Tiuj ĉi aerŝipoj konsistas ja nur el fortika papero, sed tamen ili bone funkcias.

Kaj nun ni eniras unu el la multaj tenejoj. Grandegaj bretaroj etendiĝas antaŭ ni, kaj kien ajn ni rigardas: ĉie ni vidas nur esperantaĵojn. Jen amasiĝas girlandoj, ventumiloj kaj ĉapoj, jen rozetoj, verdaj emajlaj steloj, ĉio bone ordigita: vera ĝojo por ĉiu esperantisto. Kompleze la oficistino (aukaŭ samideanino) klarigas al ni, ke tagon post tago, *semajnon post semajno* tiuj ĉi objektoj estas forsendataj. Sed nenie sin montras manko, ĉio estas tuj anstataŭata.

Ankoraŭ unufoje nia vojo kondukas tra unu el la ceteraj grandaj laborejoj de la fabriko. Ĉi tie oni faras ĉapojn ĉiuformajn, por sinjoroj, sinjorinoj kaj infanoj, kaj precipe ankaŭ por esperantistoj.

Alia grandega tenejo akceptas nin. En ĝi kartonaĵoj, inĝoj kaj skatoloj ĉiuspecaj pleniĝas la bretarojn kaj fakojn.

Poste ni venas en la tenejon por kostumoj. Kia belegeco regas ĉi tie! En grandaj ŝrankoj ni vidas kostumojn por ĉiuj okazoj. Ni ekscias, ke ĉiujare, dum la karnavala tempo, miloj kaj miloj de tiuj ĉi kostumoj estas dissendataj al ĉiuj terpartoj, kaj ke la sama kvanto iom post iom estas nove farata kaj enordigata en la tenejon.

La fino de nia rondiro tra la fabrikejo estas rigardado de la ekspedejoj (Bildo 5a). Ĉion, kion ni vidis ekestanta dum nia vizito, ni trovas ĉi tie amasiĝinta kaj preta por forsendo. Ĉi tie, oni povas imagi la amplekson de la



Bildo 5a: Ekspedejo I.

En la fundo estas Kontoro III (ekspeda kontoro).

entrepreno, aŭdante, ke entute ĉirkaŭ 35000 pakoj, kestetoj kaj kestoj dum unu jaro estas dissendataj en la tutan mondon!

Lastan rigardon ni ankoraŭ jetas en la grandegan katalogan tenejon. Cent miloj da ekzempleroj en germana, Esperanta, franca, angla hispana lingvoj kuŝas tie por plej diversaj celoj. Estas specialaj katalogoj de kotilonaĵoj kaj karnavalaĵoj, kostumoj kaj maskoj, iluminaciaĵoj kaj dekoraĵoj, esperantaĵoj, reprezentaĵoj kaj teatraĵoj, kartonaĵoj kaj ingoj, bombonujoj ktp. Kvarona miliono de tiuj ĉi ilustritaj prezaroj migras ĉiujare en la vastan mondon. Ĝuste tiuj ĉi katalogoj estas bonegaj propagandiloj por nia afero, ĉar ĉiu el la dissendataj prezaroj atentigas pri la Esperantaj fabrikaĵoj de la firmo kaj per tio ankaŭ pri nia lingvo.

Nia afabla samideano Kämpfe akompanas nin ĝis sur la strato, kaj kun dankoplena koro ni premas al li la manon pro lia komplezo. Sed li ne volas dankon; li jam estas multfoje rekompencita per la ĝojo, ke li havis okazon, montri al granda samideanaro la mondkonatan entreprenon, kies posedantojn li interesis pri nia afero, kaj kiuj nun estas tre kontentaj pri la sukcesoj, montriĝantaj per la akcepto de Esperanto. Do, karaj samideanoj, subtenu plu la firmon Neumann & Co. per viaj mendoj, por ke ĝi estu kaj daŭre restu forta apoĝilo por nia kara afero! Adiaŭ! *Piloto.*

## Mia unua aerveturo.

*De Eko.*

Tondrosimila bruo vekas min el profunda dormo. Ektimiĝite mi malfermas la okulojn kaj ĉirkaŭrigardas. Mia ĉambro estas brile lumiĝita per la eniĝantaj sunradioj, kaj mi memoras, ke hodiaŭ estas dimanĉo, en kiu mi ne bezonas iri en la oficejon. Sed nenio eksterordinara estas rimarkebla.

Ankoraŭ mirante pri la neklarigebla interrompo de mia dolĉa dormo, mi ĝuste volas min kuŝiĝi por daŭrigi la dormon, kiam denove aŭdiĝas la terura bruo kaj krom tio ankaŭ laŭtsona voĉo:

„He, amiko dormemulo, vekiĝu! Ĉu vi volas dormpasigi la tutan belan dimanĉon? Malŝlosu la pordon, por ke mi povu eniri, mi havas gravan novaĵon por vi!"

Ha, nun mi komprenas. Ekstere staras mia amiko Karlo, kiu kaŭzis la surdigan bruon per tondra frapado sur la pordo.

Rapidege mi elsaltas el la lito, kriante: „Atendu nur unu momenton, mi tuj estos je via dispono."

Kaj kun la kutima rapideco — mi ĉiam ellitiĝas nur en la lasta momento, kiam nepre urĝas por iri en la oficejon — mi lavas kaj vestas min, kaj post kvin minutoj mi estas preta por akcepti mian amikon. Mi enlasas lin, kaj li, eĉ ne dezirante al mi „bonan matenon", preskaŭ senspire tuj ekparolas, kvazaŭ elŝprucante la vortojn:

„Kara Alfredo, ĝoju — ĝoju, mi diras! Nia plej flama deziro estas plenumota! Aŭskultu! Mi rekte venas de la flugokampo Johannistal, kien mi veturis antaŭ unu horo, por rigardi la aviadajn ekzercojn, kiuj okazas pro la hodiaŭ posttagmeze komenciĝanta flugsemajno. Tie mi renkontis sinjoron Bender, ĉu vi scias, la direktoron de la fabriko de la monoplanoj „Aglo." Ĉu li hodiaŭ havas aparte bonan humoron, ĉu estas alia kaŭzo — mi ne scias — tute egale — fakto estas, ke li invitis min al kunflugado sur unu el la ekzercantaj aparatoj. Ĉu vi povas imagi mian surprizon pri tio? Kiom ofte ni ambaŭ jam vizitis la flugokampon, admirante la aparatojn traveturantajn la aeron kaj sopire dezirante kunflugi; kaj kiom ofte ni jam vane petis la konatan al ni direktoron Bender, plenumi nian deziron! Sed nun, hodiaŭ, la feliĉo estas favora al ni! Kompreneble mi tuj pensis al vi kaj petis ankaŭ por vi la permeson pri kunflugado. La direktoro konsentis, sed li diris, ke mi kiel eble plej baldaŭ alvenigu vin, ĉar la du aparatoj, kiuj devos nin altenporti, baldaŭ estos pretigitaj por flugo. Kvazaŭ vento mi forkuris al la stacidomo, kaj la ĝojo ankoraŭ plirapidigis miajn paŝojn. Feliĉe la vagonaro al Berlin tuj venis — kaj jen mi nun estas, por kunvenigi vin. Ĉu vi nun komprenas mian senpaciencon, kiam mi staris antaŭ via pordo kaj devis atendi, ĝis kiam vi dormemulo ellitiĝis? Ĉu eble estas malagrable al vi, ke mi finis vian dormon per mia interveno? He, amiko, kion vi havas? Vi faras mienon, kvazaŭ vi perdis vian intelekton! Alfredo, he, parolu!"

Elĉerpite mia amiko haltas. Efektive, rigardo en la spegulon montras al mi, ke mi en tiu ĉi momento vere havas tre malsaĝan vizaĝon. Mi ankoraŭ ne povas percepti la ĵus aŭditan sciiĝon. Sed iom post iom la afero klariĝas en mia kapo, kaj fine mi ĉirkaŭprenas mian amikon per ambaŭ brakoj kaj devigas lin fari kun mi ĝojdancon tra la ĉambro.

Sed Karlo baldaŭ liberigas sin kaj admonas min pri rapideco, se ni ne volas tro malfrue alveni en Johannistal. Liaj vortoj iom trankviligas min, kaj, rapide trinkante la kafon, kiun mia mastrino nerimarkite estis alportinta, mi esprimas al mia amiko koran dankon pro lia afableco kaj mian grandan ĝojon pro la venonta plezuro. Per rigardo el la fenestro mi konvinkiĝis, ke la printempa dimanĉo estas serenĉiela

kaj senventa, do, boneĝe taŭĝa por ekskurso en la aeron.

Brako en brako ni rapidas al la stacidomo. La antaŭurba vagonaro baldaŭ forveturas, kaj post duona horo ni estas sur la flugokampo, kie jam kelkaj aparatoj estas en la aero.

Direktoro Bender atendas nin apud la halo de la „Agloj." Du el ili staras antaŭ la halo, kaj iliaj pilotoj kaj muntistoj ankoraŭ lastfoje zorge ekzamenas ilin, jen strečante draton, jen provante la facilmoveblecon de la direktiloj, jen okupante sin pri la motoroj.

Intertempe la direktoro donas al ni konciz-ajn instrukciojn pri nia sintenado dum la flugo. Estas interkonsentate, ke ĉiu el ni kunveturos sur unu el la du antaŭ ni starantaj monoplanoj. Sinjoro Bender kondukas nin al la aparatoj kaj montras al ni iliajn aranĝojn. Nun, kiam alvenas la momento, al kiu mi jam tiom ofte sopiris, mi fariĝas iomete timema. Kvankam mi scias, ke la „Aglo" estas unu el la plej bonaj kaj plej certecaj aviadiloj, mi tamen ektremas, pensante, ke mi estas forlasonta la firman teron por ekskursi en la tute ne firman aeron! Ŝajnas, ke la sama sento ankaŭ ekkaptis mian amikon. Sed la direktoro, supozinta tion, kuraĝigas nin, kaj li sukcesas tiom, ke ĉe la danka manpremo, kiun mi interŝanĝas kun li, almenaŭ miaj manoj ne tremas!

„Ĉio estas en ordo." Kun tiu ĉi sciigo la du pilotoj sin turnas al la direktoro, kiu nin prezentas al ili. Mi havos la feliĉon, veturi kun sinjoro Hagen, kiun mi laŭnome jam konas kiel unu el la plej lertaj kaj spertaj aviadistoj. Tio estas por mi nova kuraĝilo.

Nun ni devas okupi niajn lokojn en la aparatoj. La direktoro provizas nin ankoraŭ per aviadistaj ĉapo kaj okulvitroj kaj per guma tubo, kiu servas kiel paroltubo inter piloto kaj pasaĝero. Do, „kuraĝe antaŭen!" mi diras al mi mem kaj singardeme suprengrimpas sur la pasaĝeran seĝon, kiu troviĝas antaŭ tiu de la piloto, senpere post la motoro.

Post mi la piloto svingas sin sur sian lokon. Nia aparato unue forflugos. Lastan rigardon mi ankoraŭ jetas al mia amiko, kiu ankaŭ jam sidas sur la alia aparato. Li adiaŭas per la mano, kaj nun mi observas atenteĝe ĉion, kio okazas. Sinjoro Hagen demandas min, ĉu mi oportune sidas. Mi jesas, kaj li donas al mi ankoraŭ kelkajn instrukciojn. Poste li faras signon al la muntisto, kiu staras antaŭ la monoplano apud la ŝraŭbo, dum kvar aliaj tenas la aparaton ĉe la malantaŭa parto.

La antaŭa muntisto ekprenas la ŝraŭbon ĉe unu el ĝiaj du longaj flugiloj kaj turnas ĝin ĉirkaŭ ĝia akso. Knak — diris la motoro. Duan fojon la muntisto turnas la ŝraŭbon. Knak-Knak — respondas la motoro. Ĉe la tria turnado la elektra ekbruligilo ĝuste funkcias, la sescilindra motoro brue komencas labori, kaj pli kaj pli rapide la ŝraŭbo sin turnas.

Forta tremado kuras tra la tuta aparato, kiun la malantaŭaj muntistoj ankoraŭ firme tenas, ĝis la piloto donas al ili la liberigan signon. Kaj la tremado ankaŭ komunikiĝas al mia korpo. Denove la timo min ekkaptas. La rapidege turniĝanta ŝraŭbo alpuŝas al mi teruran blovegon, kiu forrabas de mi la spirkapablon. Mi fermas la okulojn pro timo kaj spasme alkroĉas miajn manojn je la bordoj de mia ŝirmita sidloko. Mia koro batas aŭdeble kaj preskaŭ mi svenas. Dum tiuj ĉi kelkaj sekundoj mia tuta ĝisnuna vivo fulmrapide preterpasas mian spiritan okulon, kaj mi antaŭsentas malbonan finon de mia veturo. Kvazaŭ de tre malproksime mi aŭdas la ridantan voĉon de mia piloto: „Kio estas al vi", sinjoro, „ĉu vi ne sentas vin bone?". Volonte mi petus lin haltigi la motoron kaj lasi min sur la tero. Sed mi hontas . . .

Subita ekpuŝo rekonscias min: la monoplano moviĝas antaŭen kaj ĝiaj radoj ruliĝas sur la tero. Ĉirkaŭ cent metrojn ni veturas tiamaniere, ĝis kiam la aero sufiĉe kunpremiĝis sub la grandegaj flugiloj de l' aparato. Tiam la piloto ekfunkciigas la suprenigan direktilon, kaj ni leviĝas, jes, ni efektive kaj rapide leviĝas renkonten al la ĉielo per cent ĉevalfortoj!

Stranga sento okupas min en tiu momento. Mia timo estas for, kaj ĝin anstataŭas sento de certeco, sento de libereco. Super mi, mi vidas la vastegan bluan ĉielon, kaj flanke pli kaj pli malproksimiĝas la tero. Estas nepriskribebla kaj neimagebla situacio! La koro kvazaŭ vastiĝas, la korpo malpeziĝas, kaj oni deziras sin liberigi el la portanta aviadilo kaj propramove traflugi la aeron!

Sinjoro Hagen alvokas min per la guma tubo kaj demandas, ĉu la veturo plaĉas al mi, kaj ĉu mi bone fartas. Kun ĝojo mi kapjesas. Li diras plue, ke ni jam faris la unuan rondon kaj jam atingis altecon de pli ol ducent metroj. Li demandas ankaŭ, ĉu ni volas forlasi la flugejon kaj fari transkamparan flugon; ĉar la forta sescilindra motoro boneĝe kaj regule funkcias, mi ne bezonus ion timi, li diras. Per signo mi konsentas, kaj tuj mi rimarkas, kiel la piloto prenas la direkton trans la vastan kamparon. Kaj konstante la monoplano supreniras.

Post kelka tempo, dum kiu mi pripensas la nekutiman situacion, mi demandas sinjoron Hagen pri la nun atingita alteco.

„Naŭcent metrojn montras la barografo", li respondas. Sed la „Aglo" ankoraŭ ĉiam suprenflugas. Mi preskaŭ dezirus karesi ĝin

pro tio, ke ĝi portas min tiel certece kaj sendanĝere tra la aero.

Nun, post kiam mi kutimiĝis al mia situacio, mi ankaŭ kuraĝas rigardi trans la bordon de la aviadilo rekte malsupren al la tero. Strange estas, ke mi ĉe tio ne sentas kapturniĝon. Oni diris al mi, ke la kaŭzo de tio estas, ke oni ne povas taksi la distancon ĝis la tero.

Do, mi rigardas malsupren. Kiel strange la tero aspektas! Mi ne povas plu distingi herbejojn de grenkampoj, la vilaĝoj ŝajnas esti infanaj ludajoj kaj la rivero, kiu serpentas tra la kamparo, aspektas kiel arĝenta fadeno. Tute malproksime, ĉirkaŭita de haladzoj, kuŝas la imperia ĉefurbo kvazaŭ nedifinebla maso. Vere stranga estas ĉio ĉi tio; tute alia, ol se oni rigardas la pejzaĝon de sur alta monto. Kaj tamen, kiel belega, kiel liberiganta de ĉio tera!

Mi eĉ kuraĝas returni min al la piloto, kaj kun miro mi vidas, kiel li agrable sidas sur sia loko kaj — manĝas sian matenmanĝon! Li ridas kaj montras al mi siajn liberajn manojn. Tamen la „Aglo" konstante kaj certece daŭrigas sian vojon. Per la paroltubo sinjoro Hagen klarigas al mi, ke li tion ofte faras, ĉar la „Aglo" estas tre facile direktebla.

Denove mi rigardas la pejzaĝon. Ŝajnas, ke ni proksimiĝas al grandega arbaro. Efektive, la piloto atentigas min pri ĝi kaj ankaŭ pri tio, ke mi devas min firme teni sur mia loko. Mi jam scias pro kio. Se la suno brilas sur grandaj arbaroj, ĝi kaŭzas fortan, kvazaŭ enkamenan suprenfluon de la aero. Se aviadilo venas en tian aeran suprenfluon, ĝi estas kunprenata alten kaj forte skuata. Jam ofte okazis, se piloto ne atentis ĉi tiun cirkonstancon, ke li perdis la potencon super la aparato kaj per tio suferis teruran akcidenton. Sed mi trankvile renkontenvidas la okazontaĵon, ĉar mi scias, ke sinjoro Hagen estas lerta kaj singardema piloto.

Subite li krias „atentu!", kaj en la sama momento la aparato estas kaptata de aero suprenfluego kaj tiel forte skuata, ke mi tamen ektimas, kvankam mi atendis la ekskuon. Per la suprenfluo la monoplano estas levita je cent metroj kaj nun flugas en regiono, kie la aero estas ree trankvila. „Mil okcent metrojn da alteco", respondas la piloto al mia demando.

Sed ŝajnas, ke la ekskuego iom malordigis la motoron. Ĝi ne plu regule laboras. La turniĝoj de la ŝraŭbo malpliiĝas aŭdeble, kaj la aparato komencas malleviĝi. Jen unu cilindro de l' motoro haltas jen la alia, fine ili ĉiuj nur funkcias intermite. Dum tio la „Aglo" pli kaj pli malleviĝas. Mi aŭdas la piloton manipulantan ĉe la direktiloj kaj motorfunkciigiloj, sed lia peno estas vana: la motoro ne obeas kaj ĉiam pli malforte laboras. Estas timiga situacio, kaj efektive la timo denove rampas de miaj piedoj ĝis la koro, kiu ree aŭdeble frapas, kiel antaŭ la komenco de la veturo. Mi devas ekpensi pri mia malbona antaŭsento. Ĉu nun mia fino efektive venas?...

Meze en mian timan pensadon la piloto alkrias al mi: „Ni devas malsupreniri per glitflugo. Ne timu, sed bone tenu vin per ambaŭ manoj je la bordoj de l' aparato!"

Mi obeas, metas la manojn firme sur la bordojn kaj kontraŭmetas la piedojn forte sur la fundon de mia sidloko.

La aparato nun malsuprenglitas rapide, sed mi bone rimarkas, ke la kuraĝa piloto ne perdas sian trankvilon. Kvazaŭ per feraj manoj li tenas la direktilojn kaj klarvide observas ĉiun movon de la aparato, samtempe serĉante sub si taŭgan lokon por surteriĝo. Feliĉe ni havas sub ni nek arbaron nek lagon, sed vastajn kampojn, sur kiuj la surteriĝo estas sufiĉe oportuna kaj facila.

Mi laciĝas. La rapida ŝanĝo de la alteco efikas dormige kaj malfaciligas la spiradon. Sed energie mi kontraŭbatalas la laciĝon, ĉar mi nepre devas resti maldorma. Mi singarde elrigardas trans la dekstran bordon. La tero rapide alproksimiĝas.

„Nur ankoraŭ ducent metrojn!", krias la piloto.

Mi tremas pro timo. Ĉu ni bone kaj nedifektite surteriĝos? Ju pli ni alproksimiĝas al la tero, des pli mi tremas pro tio, kio okazos. Jam mi povas bone ekkoni la grandan kampon, kiun la piloto elektis por surteriĝi, kaj al kiu li direktas malsupren la aparaton en spirala flugo.

„Ankoraŭ kvindek metrojn!" denove krias sinjoro Hagen per trankviliga voĉo. Tamen mia eksciteco kreskas. Miaj nervoj estas streĉitaj ĝis ekstremo, kaj mi preskaŭ ne plu povas teni min je la bordoj.

„Atentu!" la piloto subite krias. La monoplano estas tute proksime al la tero kaj post momento tuŝos la kampon.

Sed tiu ĉi momento sufiĉas, por okazigi la terurajon. Kaptita de neatendita ventopuŝo, la aparato estas subite premata al la tero. La motoro per sia pezo malsuprentiras la antaŭan parton de la monoplano, kiu tute renversiĝas tiel, ke ni elfalas el ĝi. Mi svenas....

Per la forta alfrapiĝo sur la tero mi rekonsciiĝas kun dolorantaj membroj. Mi malfermas la okulojn kaj — — trovas min kuŝanta antaŭ mia lito, sur la planko de mia dormoĉambro! La tuta travivaĵo estis nur laŭrealeca sonĝo en cindromerkreda mateno.

## Rompita vivo.

Noveleto el Bohemujo.

*Verkis Dro Lidovec.*

Kiam mi ankoraŭ estis infano, mi aĉetadis ofte miajn krajonojn, plumojn, kajerojn, la paperon ktp. en malgranda butiko en antikva strato de Praha. La butiko estis kelke da paŝoj de preĝejo, el kiu oni ĝis tien iam kaj iam aŭdis religiajn kantojn, kaj kontraŭe de geknaba lernejo, kies infanoj apartenis al la plej fidelaj aĉetantoj de la butiko. Oni vendis en ĝi ankaŭ sukerajojn, ĉefe multajn plenigitajn per bongustaj likvoroj. Se oni eniris, miksajo de paper- kaj sukerajodoroj tuj frapis la nazon, kaj samtempe papera nigrulo salutis la eniranton, demetante respekteme sian ĉapelon per la mano, aligita al la pordo. Kelke da minutoj antaŭ komenco de la lerneja instruado, la butiko estis plenega de infanoj, el kiuj ĉiu kriis pli laŭte ol la alia, kion ĝi deziras. La papervendistino kaj ŝia edzo preskaŭ ne sufiĉis por servi al ili. En aliaj taghoroj la papervendistino estis sola en la butiko. Ŝi estis bela, juna virino kun nigra hararo, kaj sur la kapo ŝi ofte, precipe en vintro, portadis blankan kufon.

Pasis jaroj. Mi aŭdis, ke la papervendisto kaj lia edzino vendis la butikon, kaj ke ili nun vendas paperon pogrande kaj pomalgrande en alia strato, en sia propra domo. Baldaŭ mi konstatis, ke tio estis vera. Mi aĉetis ion en la nova butiko — tie ne vendis plu la posedantoj mem, sed komizoj. De unu el ili mi aŭdis, ke la papervendisto estas grave malsana.

Jes, malsana li certe estis, ĉar mi vidis lin baldaŭ post tio en Karlsbad, en unu el la kolonaroj, kie la banurba orkestro ludas mallaŭte siajn melodiojn dum la horoj, en kiuj tie ĉirkaŭpromenas, unu post la alia „en ansermarŝo", la pacientoj, ĉiu kun vitra pokalo, trinkante la kuracakvon, kiun lertaj virinoj dum la iro preter fonto enverŝas. Oni aŭdas de pacientoj diversajn lingvojn, krom la germana ĉefe la ĉeĥan, la polan, la hungaran, la anglan ktp., oni vidas inter la pacientaro diversajn tipojn, ekzemple polajn judojn en longaj, nigraj surtutoj, facile rekoneblajn laŭ longaj „pejzy" (barboj), pendantaj malsupren de vizaĝo, kaj ĉiuspecajn aliajn alilandanojn.

Nia papervendisto ankaŭ serĉis, kiel dirite, en tiu ĉi banloko resaniĝon — sed ne trovis ĝin. Certe la malsano estis jam tre progresinta, kiam li venis, alie li eble estus resaniĝinta . . . Post kelkaj monatoj mi vidis en Praha sur la placo Venceslaa vitrokovritan veturilon kun lia ĉerko. Antaŭ ĝi iris nigre vestita homo kun kruco sur longa stango, post li la pastro, ĉirkaŭ la veturilo oni vidis virojn de enteriga instituto kun brulantaj kandeloj, post la ĉerko iris la ploranta vidvino kun sia filo studento, kaj sekvis longa vico da fiakroj, en kiujn post aspergo de l' ĉerko per la pastro (kio okazas sur la supra fino de la Venceslaa-placo) la funebraj gastoj sidiĝas, por veturante daŭrigi la vojon al la tombejo Olšany. Mi aŭdis, ke preterpasantoj laŭdis la mortinton. Kelkaj virinoj „disrompis al si la kapon" per la demando, ĉu la vidvino reedziniĝos; ĝenerale oni diris, ke tiel bonan edzon ŝi nur malfacile retrovos.

Ŝi efektive reedziniĝis jam post unu jaro. Ankaŭ ŝian edziĝfeston mi vidis: ree longa vico da fiakroj, veturantaj al preĝejo, kie oni vidis tapiŝojn metitajn ĝis ekstere sur la strato, kaj aŭdis la bruon de la orgeno. La edziĝa festeno estis en ĉefa restoracio de l' urbo.

Post tio mi la vidvinon, kiu ĉe la edziĝfesto jam estis preskaŭ kvardekjara, sed malgraŭ tio ankoraŭ bela, ne vidis tutajn kvin jarojn. Tute hazarde ŝi enloĝiĝis post tiu ĉi tempo kun la dua edzo en la sama domo, kie mi loĝis. Sed malĝojigajn novajojn mi pri ili ambaŭ eksciis: la dua edzo estas drinkulo, li vivas malĉaste, ne zorgas pri sia negoco, faras ŝuldojn kaj eĉ batas la edzinon . . . Foje mi aŭdis nokte, kiam li venis el gastejo, en la koridoro ilian disputon. Ŝi laŭte ploris, li malbenis, kaj mi aŭdis de li eĉ vortojn kiel „maljuna sorĉistino".

Li ne longe plu vivis, sed mortis preskaŭ sur la strato post nokta diboĉo. Ŝi poste vendis la entreprenon kaj domon, kaj oni diris, ke ŝi el la ricevita mono nur povis pagi ŝuldojn; post tio al ŝi restis nenio.

Antaŭ nelonge mi vidis ŝin sur la strato kun korbo. Ŝi — vendas en la stratoj sukerajojn. Kvankam ŝi ankoraŭ ne estas kvindekjarulino, oni laŭ ŝiaj grizaj haroj konjektas, ke ŝi estas maljunulino sepdekjara. Mi preteriris, rigardis ŝin kaj pensis ion pri ŝia rompita vivo kaj pri nedaŭremo de homa feliĉo en tiu ĉi mondo . . .

## Aforismoj.

Se Amoro ne kuraĝas alproksimiĝi al iu sinjorino, tiam ŝi alproksimiĝas al ĝi.

*

Al la virinoj estas tute ne kompreneble, kiamaniere oni povas ne ami ilin.

*

La ne kisitajn kisojn oni forgesas pli malfacile, ol la kisitajn.

*Laŭ germanaj tekstoj trad. Iu.*

# Por lernantoj kaj komencantoj

## Elzasaj legendoj.

*Tradukis Charlotte Pulvers, Basel.*

### La Kruco en la katedralo de Strassburg.

Foje estis dum longa tempo salika trunko en akvo, proksime de soleca vilaĝo, kaj ĝi estis puŝata kaj repuŝata de l'ondoj. Sed neniu provis eltiri la trunkon el la akvo. Alvenis la skulptisto Michel (Miĥel) Bohem, kiu intencis skulpti el la ligno statueton; al tiu loko li migris, sekvata de multaj ĝescivolemuloj. Li estis forta viro, sed aukaŭ li ne sukcesis eltiri la trunkon. Li devis ĉesi post longa penado, dum kiu li preskaŭ elartikiĝis la brakon kaj sentis ĝravajn dolorojn. Nun la majstro solene promesis, skulpti el la ligno la statueton de Kristo, se li povos fortiri la trunkon. Kaj subite li kun malmulte da peno sukcesis, pri kio ĉiuj apudstarantoj ekkriis pro ĝojo kaj miro.

Malgraŭ siaj doloroj Majstro Bohem pensis al sia solena promeso kaj tuj fervore kaj diligente ekskulptis, ĝis kiam la trunko parte montris la formon de kruco.

Kaj la majstro falis sur genuojn kaj petis Dion, ke li forigu de li la krurajn dolorojn, kiujn li akiris per la komenca penado. Kaj tuj la doloroj estis for.

En la silenta skulptejo la majstro daŭrigis sian laboron. Kiam ĝi estis finita kaj ĉiu trajto de l'suferanta Savinto estis farita tiel, kiel li en vizio lin vidis paŝantan al Golgata, la pia viro preĝis al Dio pro Lia beno. Kaj kiam li la kristostatueton denove rigardis, la vizaĝo de l'Savinto lumis, kaj en liaj okuloj sin montris tiom da mildo kaj kompatemo, ke ĉiu, kiu ĝin vidis, devis esti kortuŝita.

Pro tio multaj homoj antaŭ ĝi genufleksis, kiam la kruco pendis en la katedralo, kaj ĝin fervore adoris.

Sed dum la sankta semajno la ligna kruco kun la malgaja Savinto estis elmetita por vendo apud la granda enira pordego, en la interno de l'katedralo. La popolamaso sin premadis antaŭ la mira skulptaĵo. Kaj la pia barelisto Hans Vetter ĝin aĉetis, por ĝin pendiĝi en sian paroĥan preĝejon Sta. Martino.

Sed ĉiuj penoj, forigi la krucon el la katedralo, estis vanaj.

Per tiu ĉi miraklo la barelisto ekkonis la volon de Dio, ke la kruco restu en la katedralo, kie ĝi nur kun pli granda kaj pli profunda fervoro estis adorata. Kaj iun tagon Hans Vetter, la pia viro, kiu dum sia vivo sidis ploranta antaŭ la malĝoja, suferanta Savinto, estis enteriĝata, laŭ sia deziro, je la piedoj de l'kruco.

### La fidela edzino.

Fortika, belega konstruaĵo estis la kastelo apud la Romana Ŝoseo en Elzaso, kies malmultaj ruinoj ne ekkoniĝas la potencon kaj grandecon de ĉi tiu kastelo. Nur la tradicio iĝas pensi la popolon pri la belegaj tagoj, dum kiuj la vilaĝano mirante rigardis la murpintojn kaj turojn de tiu kastelo.

Foje vivis en ĝi nobela, kavalira geedza paro, kiu multe amis unu la alian, kaj ĉiam ili estis kune. Ĝojon kaj malĝojon ili kune travivis. Sed subite sajnis al la kavaliro, kvazaŭ la amo de lia edzino plimalfortiĝus kaj kvazaŭ ŝi nun alian amus: belan paĝion kun revantaj okuloj! Li decidis spionadon kaj mortigon de sia edzino kaj de la mizera trompanto.

Li adiaŭis kun la preteksto, ke li faros longan vojaĝon. Ploregante ŝi akompanis lin al la veturilo, kiu poste malproksimiĝis, sekvata de l'rigardoj el la larmoplenaj okuloj de la malĝoja, nun soleca edzino.

Sed nokte, kiam ĉiu en la kastelo dormis, la edzo revenis. Li ŝteliris al la kastelo kaj per fadena ŝtupetaro suprenrampis en la fenestron.

Metante la piedon sur la plankon, li kaŭzis brueton, kiu la edzinon vekis. Ŝi sentime eksaltis, ekprenis la glavon pendantan super la lito kaj trapikis la vualitan figuron, kiu, laŭ ŝia opinio, estis bandito.

Sed la ŝajna bandito estis ŝia edzo, kiu mortante petis ŝian pardonon pro siaj duboj.

Kaj doloregon kaj malesperon ŝi eksentis nun en sia koro, kiam ŝi ekvidis sian edzon plej amatan, kiu mortis per ŝia mano.

Kaj la pala, senbrila lunlumo etendis super ĉi tiu grupeto siajn malĝojajn radiojn.

La edzino ekprenis ponardon pro turmentego kaj trapikis sian koron. Sensone ŝi falis apud sian amatan edzon.

Sekvantan matenon oni ambaŭ trovis kune, kiel ĉiam ili estis kune dum la vivo. Neniu povis klariĝi al si la sangan aferon; verŝajne nur la paĝio kun la revantaj okuloj.

Je ĉi tiu horo li forlasis la kastelon kaj neniu plu revidis lin.

Sed dum la noktoj kristala veturilo malsuprenrapidas la Romanan Ŝoseon; en ĝi sidas ambaŭ mortintoj sin ĉirkaŭprenantaj reciproke per brakoj. Sed ilin sekvas la inferaj hundoj, laŭte bojante.

## La papago.

Malriĉa viro instruis al sia papago, diri la vortojn: „Pri tio ne ekzistas dubo!" La birdo ne povis lerni plu ion alian. Pro tio la viro decidis vendi ĝin en la foiro, sed por ne malpli ol 200 Sm. „Ĉu la birdo efektive valoras 200 spesmilojn?" demandis viro, kiu vidis la papagon kaj aŭdis la altan prezon. „Pri tio ne ekzistas dubo!" respondis la birdo. La respondo tiom plaĉis al la viro, ke li pagis la 200 spesmilojn kaj kunportis la birdon hejmen. Sed baldaŭ li trovis, ke li estis senutile forjetinta sian monon, ĉar la birdo ne povis fari ion alian ol fajfi kaj ĉiam ripeti la samajn vortojn. Kiam li iun tagon staris apud la kaĝo de l'birdo kaj rigardis ĝin, li diris: „Mi estis malsaĝulo, ke mi pagis por ci 200 spesmilojn!" „Pri tio ne ekzistas dubo!" kriis la birdo, kaj ĝi estis prava.

## La eskimoj.

Ofte estas trovataj ĉe la bordo de Grenlando lignaj trunkoj, kiuj el aliaj landoj estas alnaĝigitaj per la ondoj de l'maro. Ili estas kolektataj de la eskimoj, kiuj konstruas el ili siajn kabanojn. Ĉar la eskimoj ne havas vitron, ili faras la fenestrojn de siaj kabanoj el glacio. Ili ankaŭ ne havas fornojn, por hejti siajn kabanojn. Lampo, plenigita per oleo, sur kiu naĝas amaso da malgrandaj meĉoj, varmigas la ĉambron tiom, kiom la eskimo povas ĝin elteni. Krom tio li havas varmigajn felojn, por kovri sin per ili, se li kuŝiĝas por ripozi aŭ dormi. En somero la eskimo forlasas sian kabanon, por loĝi en sia somerloĝejo, t. e. tendo.

## Dialogoj.

Mi vidas, ke vi ĝuste estas ironta por manĝi, sinjoro B.; mi ne volas malhelpi vin.

Ho, kontraŭe, sinjoro A., mi petas vin manĝi kun ni. Mia edzino tre ĝojos, vidi ĉe sia tagmanĝa tablo amikon de sia edzo.

Vi estas tre afabla, sinjoro; se ne estus vi, mi ne akceptus la inviton.

Jen mia edzino, permesu, ke mi prezentu vin al ŝi: Mia edzino — malnova amiko de mi, sinjoro A. el Berlin.

*

Ĉu mi povas ion prizorgi por vi en London, ĉu vi havas iujn komisiojn por mi?

Vi estas tre afabla. Vi devigus min al granda danko, se vi kunprenus malgrandan pakon por mia frato, kiu loĝas en London.

Bone, sendu ĝin al mia hejmo ĝis plej malfrue je la oka vespere. Sed ne enmetu ion impostodevan, ĉar mi devos malfermi la pakon en la impostoficejo.

Ne timu pri tio. Ĝi enhavos nenion tian, sed nur kelkajn malgrandajn objektojn, kiujn mia frato forgese lasis ĉi tie, kiam li vizitis nin antaŭ nelonge.

## Korespondo.

Dresden, la 19an de Majo 19 . .

Kara Karlo,

Pardonu, ke mi, kiel promesite, hieraŭ vespere ne venis al vi. Doloriga cirkonstanco malhelpis min ankoraŭ en la lasta momento, efektivigi mian intencon. Vi scias, ke mi loĝas kune kun mia frato Frederiko. Revenante hieraŭ el sia oficejo, li apenaŭ estis enirinta la ĉambron, kiam li subite sentis sin tiel malbone, ke li ne plu povis stari. Mi tuj forkuris por venigi la kuraciston, kaj tiu diris, ke estas nur negrava sveno, kiu ne longe daŭros. Kvankam Frederiko hodiaŭ sin sentas multe pli bone, li tamen estas ankoraŭ tre malforta kaj devas resti en la lito. Mi esperas, ke li post malmultaj tagoj estos plene resaniĝinta. Tuj kiam mi povos lasi lin sola, mi venos al vi, por interkonsenti kun vi alian tempon por nia kunveno.

Kun kora saluto

via

Georgo.

## Humoraĵoj.

Vilaĝano alvenis antaŭ nelonge en Parizo. Promenante kun parenco, kiu loĝas en la ĉefurbo, li vidas preterpasantan barelveturilon por la akvumado de l' stratoj.

Neniam li vidis ion similan; li ne komprenas, ke oni intence elverŝas tiom da akvo sur la straton kaj li komencas ridegi.

— Kial vi ridas? demandas lia parenco.

— Rigardu do, tiun mallertulon! Li transportas akvon en sia barelo kaj ne rimarkas, ke la krano estas malfermita. Kiam li alvenos, la barelo estos tute malplena.

*

Nov-Jorka tribunalo kondamnis ŝteliston je dek-trimonata malliberecо.

— Mi petas, donu al mi dek kvar monatojn, diris la kondamnito.

Oni postulis de li klarigon. Li respondis, ke li estas superstiĉa, kaj ke la nombro dek tri timigas lin. Insiste li petegis, ke oni bonvolu doni al li dek kvar monatojn.

La juĝistaro rifuzis kontentigi lin. Ekzistas vere senkompataj juĝistoj!

# El la vivo kaj sciencoj

## Bona konsilo.

**Ne dependiĝu vian vivon de eltrovaĵoj!**

Multaj homoj opinias, ke, se ili havas bonan ideon, ili tuj povas akiri per ĝi grandan havaĵon. Sed tia gajno estas pli malofta ol gajno en loterio, ĉar al la plej multaj elpensintoj mankas ne nur la rimedoj por ekspluati sian eltrovaĵon, sed ankaŭ pririgardo pri la industria vivo kaj ĝia progreso. Multaj elpensas ion, se ili troviĝas en premeĝita situacio, kaj ili kredas same kiel tiuj, kiuj posedas loton, ke nun ekzistas ebleco, por haltigi la financan malprogreson de sia profesia vivo. Anstataŭ persekuti erarigajn esperojn, ili pli bone devus labori kun ekstrema forto en sia profesio. Tio estas ankoraŭ ĉiam la plej bona vojo el mizero al bonstato.

*S-ino F. Zöller, inĝenieredzino, Charlottenburg.*
*(Laŭ „Allgemeiner Wegweiser".)*

## Instinkto aŭ pripensado?

En *Deutsche Tierschutz-Zeitung „Ibis"*, la organo de „Asocio de la unuiĝoj por bestŝirmado en Germanujo", Sinjorino Maria Sp. rakontas la sekvantan travivaĵon:

En la jaro 1895 mi sidis kun mia edzo en la antaŭa galerio de hotelo „Bellevue" en Buitenzorg (Javujo). Nia tablo staris tute proksime apud unu el la dikaj, rondaj, blankaj kolonoj, sur kiuj ripozis la tegmento de la galerio. Apenaŭ ni sidis tie kelkajn minutojn, kiam nia atento estis direktata al du sin movantaj malhelaj strioj. Ni vidis, ke estis du densaj kolonoj de nigraj formikoj (ekzistas ankaŭ blankaj formikoj en Hindujo), el kiuj unu iris supren kaj la alia malsupren. La kolono, kiu iris supren, portis ĉiuspecan provizaĵon, konsistantan el malvivaj insektoj, supozeble al komuna provizejo. Sur la sama galeria kolono, sur la flanko de la suprenirantaj formikoj, sidis tjitjako, speco de flavkoloraj malgrandaj salamandroj, kaj ni vidis, ke ĝi ĉiufoje, kiam la formikoj kun insektoj preterpasis ĝian observejon, elsaltis kaj rabis la insektojn. La formikoj, kiuj iris en tiu ĉi vico, ja provis malhelpi ĝin en tio, mordante ĝin en ĝiajn piedojn, sed estis vane; ĉiufoje la pli forta tjitjako ree estis la venkanto. Subite ni vidis, ke la suprenirantaj formikoj dividis sin en certa distanco sub la loko, kie la tjitjako sidis. Tiuj, kiuj portis la malvivajn insektojn, iris maldekstren, kaj tiuj, kiuj kuniris ne portante ion, dekstren, tiel ke la kolono kun provizaĵo nun sur la maldekstra flanko estis ŝirmata per la malsupreniranta kolono, kaj sur la dekstra flanko per la supreniranta. La tjitjako pacience atentis kelkan tempon. Sed kiam ĝi vidis, ke neniuj formikoj kun insektoj preterpasis plu, ĝi ŝajne pripensis, ĉu ili eble elektis alian vojon, kaj ni vidis, ke ĝi kuris ĉirkaŭ la galeria kolono al la alia flanko. Tie ĝi vidis la malsuprenirantajn formikojn ankaŭ sen insektoj, kaj ĉar ĝi verŝajne ne povis solvi la enigmon, kie la insektoj subite restis, ĝi rapide forkuris. La malgrandaj, ruzaj formikoj trankvile daŭrigis sian laboron kaj, ŝirmataj sur ambaŭ flankoj, ili bone suprenportis sian kaptaĵon. Post kelka tempo ni foriris de nia tablo, tre ĝojigitaj pri tio, ke la hazardo lasis fari al ni ĉi tiun interesan observon.

## Fumantaj kameloj.

Hispana oficiro, kiu dum longa tempo estis okupita en Afriko kaj ankaŭ komandis divizion dum la lastaj ribeloj en Maroko, rakontis laŭ *Family Herald*, ke la tieaj enlandanoj eltrovis strangan uzon de la tabaka kreskaĵo. Nome ili observis, ke iliaj kameloj fariĝis terure ekscititaj kaj nebrideblaj per la kanona tondrado dum batalo. Por kvietigi la bestojn kaj ree fari ilin obeemaj, ili provis tion per — cigaro! Por fari ĉi tiun ĉiopovan konsolaĵon uzebla por la kamelo, ili formis triangulan pecon da ligno, elkavigis ĝin en la mezo nur tiom, por fiksmeti en ĝi la cigaron, kaj ŝovis ĉi tiun novspecan cigaringon en la buŝegon de l' kamelo. Avide la bestoj tiam entiras la fumon kaj — kvietiĝas per tio. Tiel longe, kiel ilia cigaro brulas, ili estas feliĉaj kaj afablaj kaj marŝas plu senreziste kun sia peza ŝarĝo, eĉ meze en la plej laŭta tondrado de la kanonoj. Sed se la cigaro estingiĝis, la kameloj kondutas sin ankoraŭ pli obstine ol la azenoj, ĝis kiam — nova cigaro estas donata al ili. Ankaŭ ĉe dentodoloroj, je kiuj la kameloj suferas same kiel ni homoj, la ruza enlandano aplikas la neniam malsukcesantan kvietigilon kaj atingas bonajn rezultatojn.

# Lingvaj demandoj

## Skiza gramatiko kaj sintakso de Esperanto.

(Fino.)

La komplemento en sia plej simpla formo konsistas el adverbo. Ĉiu adverbo estas per si mem mallongiĝo, disprenebla je substantivo staranta en iu kazo. Kiel ni scias, la kazoj en Esp. estas tiuj gramatikaj formoj de la nomoj (kun aŭ sen adjektivo), kiuj montras certan rilatecon de ili. Tiun rilatecon esprimas la prepozicioj, la ligiloj de la nomoj. Ĉiu prepozicio esprimas certan rilaton. Se ĝi evidentiĝas el la frazo mem, oni povas uzi la nedifinitan prepozicion *je*, kaj vice de ĝi (sed por evito de eraro nur unufoje en la sama frazo) la signon *-n*, aldonotan al la substantivo kaj la ĝin rilatanta adjektivo: *Mi koleras pro li, pri li, al li, kontraŭ li, je li, lin. La gasto restos dum, je du tagoj, du tagojn. Vi iros al tie, je tie, tien.* — Se unu prepozicio ne sufiĉe montras la esprimotan rilaton, oni povas

uzi du, kiuj kune donas la deziratan nuancon: *el sub la lito, de en (= el) la kesto, al sur la tablo, sur la tablon;* la prepozicion *al,* ĉar ĝi estas precipe ĉe lokaj prepozicioj facile divenebla, oni oportune anstataŭigas per *-n.*

Kiel mi diris ĉe la komenco (= komence), la adverbo estas mallongigita formo de kaza substantivo; reciproke, kazan substantivon ni povas, se la klareco tion permesas, anstataŭigi per adverbo formita el la radiko de l' koncernata substantivo: *en Parizo = Parize, dum mateno = matene, pro kaŭzo = kaŭze, por tiu celo = tiucele, en la ĉirkaŭo = ĉirkaŭe, laŭ samo = same* k. s.

Tio estas ĉio, dirota pri la komplemento, kiu, kiel ni vidis, estas esprimebla per nomo kun prepozicio aŭ ties mallongigoj, t. e. nomo kun signo *-n,* kaj adverbo. Kazan signon, do prepozicion aŭ *-n* ricevas ĉiuj nomoj, pronomoj kaj la adjektivoj formitaj per *-a* aŭ *-u,* se ili akompanas nomon, aŭ anstataŭas ĝin.

Adverboj ankaŭ povas ricevi kazan signon, se al la prepozicio kaŝiĝanta en la adverba formo oni volas aldoni pluan, precizigan signifon: *en tiu loko = tie, al en tiu loko = al tie = tien, en hejmo = hejme, al en hejmo = hejmen.* Rimarku la nuanceton inter *Berlinen (al en Berlin)* kaj *Berlinon (al Berlin).* — Kiel la frazo mem, tiel ankaŭ ĉiu ĝia parto povas havi propran komplementon.

Jen ĉio pri la diversaj partoj de l' frazo, kaj pri la vortspecoj, kiuj ilin konsistigas. Ĉion ĉi tion mi diris pri la ĉeffrazo.

Ĉeffrazoj povas esti kunligataj; tiam ni ricevas kunmetitan frazon el du aŭ pli da ĉeffrazoj, kiujn ni tiam nomas apudordigitaj. Por ilin ligi, ni uzas aŭ nur simplan komon, aŭ konjunkcion apudordigan, kiu esprimas la rilaton de la frazoj. Tiaj konjunkcioj estas: *kaj, sed, kvankam, aŭ* k. s. — Se du aŭ pli da frazoj havas komunan parton, ni ne ripetas ĝin; tiel devenas la kuntirita frazo. Ekz.: Li *kaj lia frato* ludas. Ne matene, *sed posttagmeze* li alvenis. La infano ploras *aŭ ridas.* — Se la parto de frazo kunmetita ne povas esti memstara, ni nomas tiun dependantan parton suba, subordigita frazo. Subfrazo estas ĉiam la pli vasta esprimo de iu parto de la ĉeffrazo, krom la verbo, kiu ne estas anstataŭigebla, ĉar sen ĝi frazo ne estas frazo. Ni povas do esprimi la subjekton, atributon, predikaton atributan kaj la komplementon per subfrazo. Tian frazon enkondukas subordiga konjunkcio, *ke, se, ĉu' ĉar* k. a., aŭ korelativo el la serio *k-,* al kiu en la ĉeffrazo povas almontri responda vorto kun *t-,* aŭ, se oni celas la tutan frazon, la resuma vorteto *tio: Kiun* mi *sopiras, (tiu)* ne plu loĝas ĉi tie. *(Tian)* objekton, *kian* mi volis aĉeti, mi ne trovis. Ŝi estas *(tia), kia* mi imagis ŝin. Restu *(tie), kie* vi staras. Alkonduku *(tiun), kiun* mi vokis. Li demandas *(tion), ĉu* vi estas laca. Montru *(tion), ke* vi vivas.

Se la ĉeffrazo el la senco de l' subfrazo estas facile alkompletigebla, aŭ jus estis dirata, oni bezonas diri ĝin; tiaokaze subfrazo povas stari meme. Plej ofte tio okazas ĉe la demandaj frazoj: [Mi demandas,] ĉu li venos? Por tiuj okazoj servas speciale la demandosigno (?). Por montri la finon de simpla aŭ kunmetita frazo, ni uzas la punkton (.). Inter la partojn de kunmetita frazo, kiel ankaŭ inter la egalrangajn frazpartojn de kuntirita frazo, kiuj rilatas unu solan membron, ni metas, krom antaŭ la lastan, komon (,). Por pli forte disigi apudordigitajn frazojn, ni uzas la punktkomon (;). Se ni volas speciale akcenti frazon, ni finas ĝin per ekkria signo (!). Fine, por montri, ke ni uzas laŭvorte ĉeffrazon de ni diritan, kiel subfrazon sen konjunkcio, ni antaŭmetas dupunkton (:), kaj la citatan frazon mem ni povas meti inter cithokojn („").

Jen la tuta regularo, sur kiu baziĝas la tuta lingvo. Ĉio ne entenata en la supraj linioj estas klarigebla kiel mallongigo.

Ĉiu mallongigo, ellaso de frazpartoj estas permesebla, kondiĉe de tio, ke ĝi restas komprenebla.

## ≡ Por kolektantoj ≡

### Katalogo pri Esperantaj sigelmarkoj.

**Mallongigoj:** E: eldonita; A: aĉetebla ĉe; F: formato; Gr: grandeco de l' bildo (horizontale × vertikale); Pp: papero; Pr: prezo po 100 pecoj; Ss: subspeco aŭ vario; T: teksto; d, md: dekstre, maldekstre; pf: perforita (dentita); s, ms: supre, malsupre.

(Daŭrigo.)

**1909.**

E: La Kvino por la Kvina. A: F. Pujulà y Valles, Barcelona, 89 Rambla de Catalunya. Pr: 0,370 Sm. Egipta figuro (md), tenanta Esp. stelon en krono, pli s 2 Esp. steloj ligitaj per girlandoj. T s: V<sup>A</sup> Internacia (meze) Esperantista Kongreso (ms) Barcelono 5<sup>A</sup>—11<sup>A</sup> Septembro. En la piedestalo de la figuro (md, malgranda) la signo de la desegnisto T E (= Torne Esquius). T kaj bildo blanka sur verda fundo, Pp blanka. F: rektangula. Gr: 30×36 mm, pf $11^1/_4$.

8. Verda.

Neoficiala eldono:

E, A: Tobella, Barcelona. Fluganta anĝelo kun Esp. stelo sur la kapo. T: 5a Internacia Esperantista Kongreso Barcelono 5a—11a Septembro 1909a. Sub „Barcelono" la sama vorto tre malgranda, d ms signo de la desegnisto (?). F: rektangula, Pp blanka. 34×28 mm, pf $11^1/_4$.

9. Verda.
10. Ruĝa.
11. Blua.
12. Violkolora.

**1910.**

E: La Seso por la Sesa. A: Edwin C. Reed, Washington D-C., 816, Fifteenth street. Pr.: 0,500 Sm. Verda Esp. stelo sur terglobo, sur ĝi rubando kun la vorto Esperanto. T s: 6<sup>A</sup> Internacia Kongreso de (ms) Washington Aŭgusto, 1910. T kaj bildo verda sur blanka fundo. Pp. blanka. F: rektangula, Gr: 22×29 mm, pf $11^1/_2$.

13. Verda.

*Dro. Möbusz.*

# Diversaj komunikoj

## Pri lingvaj eraroj en Esperantaj verkoj.

(Akademia decido.)

La Akademio,

rimarkinte kun bedaŭro, ke ofte aperas Esperantaj verkoj, kiuj enhavas multajn lingvajn erarojn; ke, pro diversaj kaŭzoj, tiuj verkoj **ne** estas sufiĉe severe recenzataj de la Esperanta gazetaro, kaj ke tiu neseverecο estas trompo por la publiko kaj povas malutili la evoluon de nia lingvo, donante al la publiko malbonajn ekzemplojn;

rekomendas:

al la gazetaj recenzistoj, ke ili estu pli severaj, kaj ke ili ĉiam zorge notu la lingvajn erarojn, kiujn enhavas la recenzita verko;

al la verkistoj, ke ili ĉiam legigu siajn verkojn antaŭ la eldonado, ĉu de iu kompetenta Lingvokomitatano, ĉu de iu kritikista komitato;

al la Naciaj Societoj, ke ili interkonsentu kun la Naciaj Subkomitatoj de la Lingva Komitato, nun fondataj, por starigi, kiel jam faris la B. E. A., tiujn kritikistajn komitatojn, al kiuj la verkintoj kaj la eldonistoj povos sin turni por esplorigi la publikigotajn verkojn kaj ricevi ian garantion pri ilia lingva korekteco.

*(El „Oficiala Gazeto")*

## Letero el Jamaiko*).

Al

la Redaktoro de

„Germana Esperantisto"!

Sinjoro,

Ĉu vi afable donus al mi lokon por malmultaj vortoj rilate al la plej ĉarma rakonto Rikke-tikke-tak?

Ĝi traktas pri du grandaj ideoj, nome pri arda, neordinara amo de viro al virino, kaj pri la plej profunda malĝojo. Ĉar mi ĝuadis la unuan kaj suferis la alian, mi legis tiun ĉi kortuŝantan rakonton dufoje kun aparta intereso, kaj mi povas nun konstati, ke la priskribitaj aferoj estas veraj kiel la vivo. Jen miaj spertoj.

Antaŭ tre multaj jaroj, kiam mi estis junulo, mia amo al knabineto tute egalis tiun de Jan al Lena. Cirkonstancoj ne favoris nin; sed spite de ĉio ni edziĝis. Nia eksterordinara amo neniam velkis. Ĝi fortiĝis kaj kunliĝis nin dum kvindek du jaroj ĝis la fino, kiu okazis antaŭ unu jaro. Ĝi neniam pereos. Ŝia morto estis tiel bela kiel ŝia vivo. Tuj poste mi suferis la teruran agonion de malespera malĝojo, kiu tenis min senkonscia ĉe la bordo de l' tombo dum preskaŭ tri semajnoj! Tial certe mi estas tiel kompetanta kiel iu, por juĝi pri la indeco de ĉi tiu rava rakonto, kiu katenis mian atenton de komenco ĝis fino emocie. Mi tiam skribis pri ĝi al germana amikino jene:

„Mi ne miras pri la sukceso de l' aŭtorino, kiu vivadis sur la ensorĉa kampo kaj sonĝreve ludis kune kun la malgrandaj popoletoj, kiuj dorlotis ŝin. Mi esperas, ke ŝi tradukos alian belan rakonton por feliĉigi esperantistojn kaj konservi freŝa la memeron al Hendrik Conscience, pri kiu ŝi devas esti fiera. Eĉ se la aŭtorino estas virino de forta karaktero, mi kredas, ke multfoje karaj larmetoj timete elrigardetis el ŝiaj okuloj por legi ŝiajn belajn vortojn".

Estas rimarkinde, ke la servisto, kiu enpoŝtigis la leteron, alportis vian jurnalon por Aŭgusto/Septembro, en kiu mi ĝojegis vidi favoran, sinceran recenzon pri tiu ĉi ĉarma rakonto. La notoj pri gramatiko ne koncernas min. Mi ne estas klerulo. Dum longa, labororiĉa vivo kiel plantisto mi ne havis tempon por studadi, sed mi petas, ke mia opinio pri la rakonto mem estu respektata kiel aŭtoritata.

Mi esperas, ke la unua eldono estos baldaŭ elĉerpita, kaj ke la estimata aŭtorino estu kuraĝigota al pluaj penadoj.

Eble viaj legantoj ŝatus ekscii ion pri la samideano tiel malproksime de ili. Mi estis anglo kaj elektis la belan Jamaikon kiel hejmon en 1868. Mi estis brutbredisto kaj plantisto. Mi havas nun 75 jarojn, kiuj kuŝas tre malpeze sur miaj ŝultroj. Mi estas tre sana, meze vigla kaj forta, kaj mi neniam min sentas maljuna! La klimato estas perfekta, kaj ĉiam mi vivadis en la freŝa aero.

Mi unue aŭdis pri Esperanto proksimume antaŭ ses jaroj, de kiam mi ĝin studadis sola. Ne necesas diri, ke mi la belan lingvon amas, kvankam mi neniun havas, kun kiu mi povus paroli Esperante. Antaŭ du jaroj mi komencis ĝui benmeritan restadon. Nun anĝela edzino anstataŭas la karan homan edzinon. Ŝi ĉeestas min, ĉiam kaj ĉie prezentante al mi fantazie belajn bildojn de la feliĉa estinteco kaj esperige inspirante mian spiriton per la gloroj ĉielaj, kiujn ni nun ne povas kompreni kaj kiujn „neniu okulo iam estas vidinta".

Tiamaniere kaj per la amo de geamikoj — anglaj kaj Esperantaj — kaj legante la belan, ensorĉitan lingvon, mi estas denove feliĉa kaj kontenta.

Jamaiko, 17an de Novembro 1912.

*Robert Elworthy.*

*) Kun ĝojo ni publikigas ĉi tiun interesan leteron, kiun sendis al ni malproksima leganto pere de nia ŝatata S-ino Hankel. *Red.*

## 3a Literatura Konkurso de la Kataluna Esperantista Federacio.

La Komitato de la 3a Literatura Konkurso de la „K. E. F." samideane salutas ĉiujn esperantistojn kaj havas la honoron, inviti ilin partopreni en ĝi laŭ la jenaj reguloj:

**Ordinaraj Temoj.**

Premioj al originalaj tekstoj. 1. Al la plej bona originala versaĵo pri *Amo* estos aljuĝata premio, konsistanta el bela busto de la elpensinto de Esperanto, Dro Zamenhof.

2. Unu riĉe bindita ekzemplero de la multvalora verko „Albrecht Dürer" estos aljuĝata kiel premio al la plej bona originala prozaĵo pri *Amo.*

Premioj al tradukitaj tekstoj. 1. Belan buston de Dro Zamenhof oni aljuĝos al la aŭtoro de la plej bona traduko de versaĵo elĉerpita el la 4a ĉapitro de *L' Atlantida,* de Jacinto Verdaguer

(trovebla en la aldono al la numero 12 (33) de „Kataluna Esperantisto").

La literaturajn rajtojn pri tiu verko cedis al la „K. E. F." eldonisto S-ro J. Agusti.

2. Al la plej bona traduko de bela prozajo de Ignasi Iglesias, en kataluna lingvo, kiun oni povas trovi en la aldono al la numero 12 (33) de „Kataluna Esperantisto", estos aljuĝata kiel premio unu riĉe bindita ekzemplero de la tre interesa verko „Albrecht Dürer".

Nia fama kataluna verkisto afable donis al la „K. E. F." permeson traduki tiun verkon.

**Eksterordinaraj Temoj.**

1. Premioj de „La Revuo". — *Temo:* Verki originalan kritikon aŭ studon pri artisto aŭ literaturisto kaj pri lia verkaro. La amplekso de la artikolo ne devas superi dek paĝojn de „La Revuo".

Premioj: 1e. 30 frankojn da libroj el la katalogo de la firmo Hachette & Cie. 2e. 20 frankojn da libroj el la sama katalogo.

Noto: La premiitaj manuskriptoj apartenas al „La Revuo" kaj estos publikigitaj en tiu gazeto.

2. Premio de la firmo Ader & Borel. — *Temo:* Paĝo pri la „Esperanta Biblioteko Internacia".

Premio: 3 ekzempleroj de ĉiu ĝis nun aperinta kajero de la „Esperanta Biblioteko Internacia".

* * *

**Notoj.**

1. Al ĉiu aŭtoro de la kvar premiitaj verkoj estos disdonata monsumo, kies grandeco dependas de tio, ĉu la konkursa kaso ricevos promesitajn donacojn. Pri tio ni sciigos siatempe.

2. Al la aŭtoro de la plej bona teksto (versaĵo aŭ prozaĵo) el la kvar verkoj premiitaj, la komitato aljuĝos la „Naturan Floron" kaj la rajton elekti Reĝinon de la Festo.

3. La Festo de la 3a Literatura Konkurso kaj la disdonado de la premioj okazos en Olot, la 11an de Majo 1913, dum la 4a Kongreso de „K. E. F."

4. Al la manuskriptoj, kiuj devas esti senditaj antaŭ la 20a de Marto 1913 al la sidejo de „K. E. F." (str. Gracia, 12, Sabadell), oni devas aldoni nur devizon, ne aldonante iun nomon nek koverton.

5. La juĝintaro publikigos la juĝon per la Barcelonaj gazetoj, „Kataluna Esperantisto", „La Revuo" kaj „La Movado".

6. La membroj de la juĝontaro partoprenas en neniu konkurso.

7. La juĝontaro konsistas el S-roj Carlo Bourlet, Felicien de Ménil, Gabriel Chavet, Joseph M. Garganta, Joaquim Coll kaj Joseph Grau. La originalajn tekstojn prijuĝos ĉiuj membroj; tradukojn prijuĝos laŭ traduka vidpunkto la tri laste cititaj sinjoroj, kaj rilate la stilon ĉiuj membroj. La Natura Floro kaj la rajto elekti Reĝinon de la Festo estos ankaŭ aljuĝataj de ĉiuj membroj de la juĝontaro.

8. En la teksto de „Kataluna Esperantisto" aperadas listo de eksterordinaraj premioj kaj temoj.

Inspiron por la gloro de nia literaturo ni deziras al ĉiuj.

Por la Komitato:

*La Prezidanto:* Carlo Bourlet.

*La Sekretario:* Joseph Grau.

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

**Ĉi tie ni recenzas nur verkojn duoble ricevitajn.**

***Lingvaj Respondoj** (nova serio) de Dro L. L. Zamenhof. (Esperantista Dokumentaro, kajero dudeka). — Esperantista Centra Oficejo, Paris. 0.375 Sm. [66

Ĉi tiu kajero devas esti en la manoj de ĉiu esperantisto. Kune kun la *„Lingvaj Respondoj"*, jam aperintaj en la „Kolekto de la Revuo", ĝi estas vera trezoro. La „nova serio" enhavas la respondojn, kiujn nia Majstro donis en la unua gazeto *„La Esperantisto"* kaj en *„Oficiala Gazeto Esperantista"*. Sed kvankam jam pasis multaj jaroj de post la publikigo en la unue nomita gazeto, la koncernataj respondoj de Dro Zamenhof ankoraŭ hodiaŭ nenion perdis de sia valoro. Kontraŭe, por pli ol unu samideano ili estas tre gravaj kaj atentigas lin pri tio, ke simpleco kaj klareco eĉ nun ankoraŭ estas la ĉefaj kondiĉoj de nia lingvo. — Tre bone estas, ke en la priparolata kajero estas cititaj, laŭ nombro kaj enhavo, ankaŭ la respondoj, aperintaj en *La Revuo.* Tiamaniere ĉi tiu kajero bone kompletigas la antaŭe aperintan, kiun mi jam citis. — Do, esperantistoj, ne ŝanceliĝu kaj havigu al vi ĉi tiun kajeron, kaj kompreneble ankaŭ la unuan serion, se vi ankoraŭ ne posedas ĝin. *Eko.*

*

***Princo Serebrjanij,** historia romano de grafo A. Tolstoj. El la lingvo rusa tradukis S-ino M. Ŝidlovskaja (E. L. A.). — Librejo „Esperanto", Moskvo. 1.350 Sm. [5

La verko estas unu el la ĉefverkoj de la rusa romanliteraturo; ĝi prezentas, laŭ la historiaj faktoj, la rusan vivadon ĉe la kortego en la XVIa jarcento, sub la regado de l' caro Ivano.

La tradukintino sukcesis, laŭ mia opinio, konservi la karakteron de la originalo laŭ stila vidpunkto. Diversaj nebonajoj, kiujn mi notis, ne malhelpas la ĝuon. Specialan dankon mi eldiru pro la antaŭparolo kaj la multaj notoj, kiuj klarigas speciale rusajn esprimojn. La ĉapitro VIII (Festeno) prezentas al mi tre ŝatatan kaŭzon por demandi: Kiu, leginte ĉi tiun priskribon de tagmanĝo, havas la kuraĝon aserti, ke nia lingvo ne taŭgas por literaturo? Sed — kompreneble: por ke oni eksciu la povon de Esperanto, oni ĝin konu! — La libro estas tre rekomendinda. *Arnold Behrendt.*

*

***Normala Sintakso de la internacia helpa lingvo Esperanto.** Verkis Török Péter, Profesoro E. V. — Propra eldono de l' aŭtoro; komisie ĉe Kókai Lajos, Budapest. 0.300 Sm. [14

Estas grava, malfacila tasko, verki sintakson pri iu lingvo, kaj oni rajtas postuli, ke la verko ne havu presajn aŭ lingvajn erarojn. Bedaŭrinde tiu ĉi verk-

eto jam en la unua teksta linio de l' antaŭparolo montras malĝustan uzon de „sia"; kelkfoje oni trovas „ĝi" anstataŭ „tio", „iu" anstataŭ „io". Ankaŭ aliajn erarigaĵojn oni trovas, ekz. la 8an ekzemplan frazon sur paĝo 19a. Tiaj nekorektaĵoj ja ne estas gravaj por lerta esperantisto, sed ĝuste pro la „malpli lertaj uzantoj de Esperanto" ili estas bedaŭrindaj. Ĉiuokaze estas ankaŭ konsilinde por dua eldono, enmeti pli da ekzemploj, por pli facile komprenigi al nespertuloj la abstraktajn klarigojn, kiujn oni ja ne povas eviti en tia verko. La aranĝo de la sintakso ŝajnas al mi bona, plej multe kontentigis min la dua duono de la verko. Ĝi estas certe instrua por ĉiu.

*P. Christaller.*

***Kroataj poeziaĵoj**, kun literaturhistoria enkonduko. De Mavro Spicer. — Komisia eldonaĵo de Ludoviko Kókai, Budapest. 0,750 Sm.

Tre dankindan laboron plenumis la tradukinto; specialan dankon de la tuta esperantistaro li meritas pro la enkondukaj vortoj, kiuj sendube tre multajn el ni kondukas en ĝis nun nekonatan teritorion de poezio. Ke oni ĝuas la montratajn ekzemplojn de kroataj belaĵoj, al tio helpas nia lingvo kaj la tradukinto, kvankam li ne ĉiam povis kontentigi la postulojn rilate al reverkado de poeziaĵoj. Poeziaĵoj ne povas esti tradukataj laŭvorte; la tradukanto mem estu poeto. Kompreneble — la malfacilaĵoj, kiuj sin prezentas, estas multnombraj. Spicer ofte venkis ilin, kelkloke — ŝajnis al mi — li vane serĉis la taŭgan esprimon por la poeta sentado. Sed tio eble estas nur mia subjektiva impreso. Laŭ lingva vidpunkto mi atentigas, ke ankaŭ al poezio neniam estas permesate, malzorgi la gramatikon kaj sintakson. Vidu sur paĝo 22: *mia okulo ravita vidinte ĉi tiun belecon, sentis mi dolĉe, ke . . .*; la participa formo „*vidinte*" estas malĝusta. Same sur paĝo 36: *ni patrujon nian amas sunbrilante, ventmuĝante.* Sur paĝo 56 la vorto „*facil'*" estas neebla! Laŭ la Fundamento „*facile*" ne estas mallongigebla. Simile sur paĝo 60: *aŭskultant' — feliĉdonant'.* Kontraŭ belsono kaj la Fundamento pekas sur paĝo 26 la vortoj: *sub l' altar'*; sur paĝo 28: *sur l' altar'.*

Rimojn ne formas: *scias — amas, vivos — restos* (paĝoj 58—59). Spite de tiaj malglataĵoj kelkaj poezioj estas altvaloraj tradukaĵoj, ekzemple: *Eĥo; Bela nia patrolando; Denove; Luno brilas hele* k. a. — La libro estas rekomendinda.

*Arnold Behrendt.*

**Ekonomio Socia,** kio ĝi estas kaj kion ĝi instruas. De D-ro J. B. Marchlewski. Laŭ la pola eldono esperantigis Emilo Pfeffer. (Esperanta Scienca kaj Literatura Libraro No. 1.) — Esperanta Eldona Societo, adr.: S-ro Antoni Czubryński, Strato Retoryka 10, Kraków (Aŭstrio-Galicio). 0.100 Sm.

En alvoko al la samideanoj la Eldona Societo diras, ke ĝia tasko konsistas en la eldonado de malkaraj verkoj el ĉiuj regionoj de la scio; ĉiu libro kostas tiom, kiom kostas ĝia preso.

Ĉiu nova eldonejo kaŭzas unue kritikemon; pro tio mi eklegis la libron plej skeptike; sed baldaŭ la skeptikeco ŝanĝiĝis je miro kaj admiro. Ne ĉiuj esperantistoj preferas legi ekonomie sciencan literaturon; tamen ĉi tiu malkosta libro povas esti legata de kiu ajn, ĉar ĝi entenas tre klaran kaj tre koncize skribitan historion de la socia ekonomio kaj bone specialigas tiun sciencon laŭ ĝiaj diversaj partoj. Leginte tiun verketon, oni pli bone komprenas la estintajn kaj la nunajn aperaĵojn en la mastrumado de la popoloj, oni pli facile povas simpatii kun la diversaj klopodoj sur la ekonomia kampo.

Mi trovis kelke da gramatike ne defendindaj esprimoj kaj ankaŭ kelkajn evitindajn germanismojn. Ekz.: *ne povas esti parolo pri . . ., konduki vivon . . .; pli kaj pli multe da (de) lia tero; en la amaso da (de) aliaj komercaĵoj; kategorio de l'homoj (de homoj).* Novaj rekomendindaj vortoj: kvestio, fulisto, uzuro, preskribi.

Koncerne la tre malaltan prezon la libro estas samtempe bonega propagandilo por nia lingvo en sciencaj rondoj.

Nur unu proponon permesu la eldonejo al la recenzisto: Eldonu ĉiun novan libron nepre en la mondformato 11,3×16 cm; vi ne bezonas ŝanĝi la grandecon de la presita paĝo, sed nur konforme ĉirkaŭtranĉi la paperon. Unu lingvo, unu formato!

*J. Schmid (E. L. A.).*

**Noto.** Por forigi ĉiun malkomprenon pri la „Esp. Scienca kaj Literatura Libraro", la Eldona Societo atentigas pri la jenaj punktoj:

1. La eldono de l'tuta serio, anoncita de ni daŭros ankoraŭ pli ol 6 monatojn. Ĝis nun aperis la 1a numero. Numeroj 2a kaj 4a senprokraste sekvos. 2. Por vigligi la Esp. propagandon, por instigi ĉiun samideanon al disvastigado de la esp. literaturo ni deklaras, ke ni ĉiun libron de ni eldonitan ne sendos unuope, sed en kelkaj ekzempleroj, tial profitu de nia entrepreno unuavice la esperantistaj societoj kaj propagandistoj, — nur poste, kiam la tuta serio estos jam aperinta ni sendados ankaŭ po unu ekzemplero de ĉiu libro de nia serio al apartaj samideanoj.

## Por lertuloj

### Enigmoj kaj problemoj.

**Nr. 4.**

Dulitera trisilaba enigmo.

| | 1 | 2 | 3 |
|---|---|---|---|
| 1 | bo | do | do |
| 2 | lo | lo | ro |
| 3 | ŝi | vi | vi |

Aranĝu la silabojn tiel, ke la horizontalaj kaj vertikalaj vicoj montru:

1e: junan dombeston, 2e: purigilon, 3e: malagrablan senton.

*Georg Hocker.*

No. 5.

Vulpo renkontis anserojn naĝantajn sur rivero, kaj ĝoje ĝi diris: „Saluton al vi, vi cento". Kaj la anseroj rediris: „Vi eraras, ni ne estas cent. Sed se vi duobligus nian nombron kaj aldonus duonon de ĝi kaj ankoraŭ kvaronon, ni estus kune kun vi cent".
Kiom da anseroj estis sur la akvo?

*W. Steinke.*

Nr. 6.

La unua parto de l' divenota vorto estas frukto, la dua parto estas floro, kaj la tuto estas parto de tutajo.

*B. Breslau.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l'venonta monato al nia redaktoro, **S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. (Valoro po premio ĝis 1 Sm.)

## Solvoj el la antaŭa kajero.

No. 1.

Se ne povas esti vi artkonstruisto,
Ĉizu vian ŝtonon kiel ŝtonhakisto;
Se por tio vi ne havas la prudenton,
Alportadu do morteron kaj cementon.

*Trad. el germana lingvo W. Velten.*

No. 2.

| 1 lu | 2 no |
|---|---|
| do 3 | mo 4 |

No. 3.

Kul-turo.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

*A) de ĉiuj tri numeroj:* Johannes Bauer, Godesberg; F-ino Käthe Bock, Neukölln; Richard Brüggemann, Berlin; Willi Christaller, Stuttgart; Albert von Dauber, milita oficisto, Wien; Theodor Degen, stud. phil., Bonn; V. J. Didriĥson, Odessa (Rusujo); F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Otto Funke, reĝa provizoficeja inspektoro, Altona a. E.; S-ino Marie v. Ganahl, Kufstein (Tirolo); Gerhard Görcke, bankoficisto, Hamburg; S-ino Else Große, juĝejkonsilista edzino, Wolkenstein; Hamburger Esperanta Klubo de 1912, Hamburg; Paul Heidrich, komercisto, Plauen i. V.; Ph. Heim, Ludwigshafen; F-ino Elisabeth Höppner, Dersenow b. Brahlstorf; W. Höppner, Rostock (Mecklbg.); Alfred Hörnig, volontulo, Bautzen; A. Ivanickij, St. Petersburg (Rusujo); Em. Krafczyk, Breslau; Paul Krüger, Dresden; F-ino Margarete Küster, Magdeburg; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; F-ino A. Maschke, Dresden; Kurt Mathiak, Danzig; E. Momber, Oberdollendorf; A. Neitzel, Hannover; Josefo Németh, Temesvár (Hungarujo); Johannes Noa, matematikisto ĉe nacia asekuradsocieto „Balkan", Sofia (Bulgarujo); E. Pfeufer, stud. theol., München; Dro Peter Schacht, Milano (Italujo); W. Schimmel, instruisto em., Dresden; W. Schuhmacher, ĉefinstruisto, Wössingen; Carl Schulz, instruisto, Charlottenburg; A. Semich, instruisto, Zittau; Hans Steinberg, Göttingen; Joh, Sychrawa, direktoro, Wien; F-ino Martha Trötschel, Frankfurt a. Oder; Otto Wehlitz, fotografisto, Lilienthal b. Bremen; W. Wittbrodt, instruisto, Neukölln; F-ino Julie Wolfson, Breslau; Ziemann, juĝejsekretario, Gnesen.

*B) de du numeroj:* S-ino E. Glander, Hamburg; A. Henneberger, Hamburg; Alfred Müller, Danzig-Langfuhr; Chr. Sewing, Duisburg; Max Stolz, Düsseldorf; Jan Ziermans, Scheveningen (Nederlando).

•

*La premioj estas gajnitaj per loto de:* S-ro Richard Brüggemann, Berlin; S-ro Paul Heidrich, Plauen i. V., S-ro Paul Krüger, Dresden.

La gajnintoj bonvolu sciigi nian eldonejon Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40, pri la libroj, de ili dezirataj, Germ. Esp. B 65.

## Redakciaj respondoj

### Ricevitaj manuskriptoj.

(**Mallongigoj:** O = originalo, T = traduko, a = akceptita, n = ne akceptita.)

No. 1001, T a: *La najtingalo kaj la rozo.* — No. 1002, T a: *La nevo de la fruktvendistino.* — No. 1003, T a: *La instinkto.* — No. 1004, T a: *Prahistoria amo.* — No. 1005, T a: *La ora arbo.* — No. 1006, O a: *Memoroj de infano.* — No. 1007, T a: *La disiĝo.* — No. 1008, O a: *La fervoja katastrofo apud Medgyes.*

•

**S-ro H.** Dankon pro viaj enigmoj, kiujn ni okaze publikigos, post kiam vi konigis al ni vian nomon. Ni ne ŝatas anonimajn kunlaborantojn, kiuj almenaŭ al ni ne prezentas sin.

**S-ro U. en G.** Vian artikolon pri Bohemujo ni pli ŝatas ne publikigi; vi tuŝas en ĝi tre delikatan, kvazaŭ politikan demandon, kiun ni ne trovas taŭga por pritrakto en Esperanta gazeto. — Versaĵojn ni ĝenerale ne akceptas pro principo; ankaŭ la vian ni bedaŭrinde ne povas publikigi. Tamen dankon pro la alsendo!

**S-ro H. N. en Angers.** Dankon pro via propono rilate al *Nietzsche.* Eble ni povos ĝin baldaŭ realigi. Saluton!

**S-ro H. en M.** Kompreneble la vorto „**ku**muna" sur paĝo 1 de la januara kajero B estas preseraro; anstataŭ u devas esti **o.** La afero estas pruvo por tio, ke la plej frapantaj preseraroj ofte estas ne atentataj eĉ de plej lertaj korektistoj.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.